ATEISTA TUTMONDA ESPERANTO-ORGANIZO
N-ro 2 BULTENO DE ATEO Julio 1988

**FONDINTOJ:** S-ro Ralph Dumain kaj S-ino Minerva Massen, Usono, 1987

**PREZIDANTO & REDAKTORO:** Ralph Dumain; 1629 Columbia Road, N.W.; Apt. 615; Washington, DC 20009; USA; tel. (202) 332-0589.

**VICPREZIDANTO:** Minerva R. Massen, 855 La Playa #458, San Francisco, CA 94121-3255; USA; tel. (415) 668-7605.

**SEKRETARIO-KASISTO:** S-ro John B. Massen (vidu adreson de Minerva).

**INFORMPETOJ KAJ KORESPONDADO:** Vi rajtas kontakti iun ajn estraranon. Se vi anticipas ian ĝenon au persekutadon pro ateisma agado, bonvolu mencii bezonatajn apartajn aranĝojn por vi. Se vi skribas permane, bonvolu skribe klare, aparte vian adreson.

**MANUSKRIPTOJ:** Se vi povas, bonvolu sendi molan diskon je 5-1/4" en formato de IBM PC/XT al Ralph Dumain. La teksto estu en formato ASCII, kun supersignoj (^ post c, g, h, j, s, kaj post u) tuj **post** la ĝustaj literoj. Alie, sendu tajpitajn manuskriptojn al Minerva Massen, preferinde en elredaktita kopipreta formato. Konservu ĉe vi kopion de via manuskripto. Autoroj rajtas uzi pseudonimojn. Ni senhezite akceptos tradukojn el klasikaj autoroj kie ne ekzistas kopirajta problemo. Pri kopirajthava materialo, provu gajni permeson de la autoro au eldoninto kaj sendu al ni kopion de la skribita permeso. Ni ne akceptos porreligian propagandon por niaj publikaĵoj.

## LA CELOJ DE ATEO

1. *Kunigi Esperantistajn ateistojn kaj liberpensulojn.*
2. *Disvastigi Esperanton inter ateistoj.*
3. *Defendi propran egalrajtecon kaj kontraui trudadon de religio en neutralajn Esperanto-grupojn.*
4. *Instigi ĉe neutralaj Esperanto-grupoj, ke oni egale varbu por Esperanto ĉe ne-religiaj grupoj se oni varbas ĉe religiaj grupoj.*
5. *Akceli racian pensmanieron en Esperantujo kaj pri Esperanto mem kaj strebi altigi la intelektan kaj kulturan nivelon de Esperantujo.*
6. *Libere diskuti kaj analizi ateismajn movadojn, politikojn, kaj filozofiojn kaj ĉiajn rilatajn sociajn problemojn.*
7. *Malkateni la mensojn!*

**ANONCO DE KUNSIDO CE KONGRESO:** Nia kunsido ĉe Roterdamo-Kongresejo okazos je vendredo, la 29-an de julio, je 10:30 atm. ĝis 12:00 tagmezo, ĉe Bulthuis. Sercu en la Kongresa Programo por konfirmo de tiu ĉi anonco. Estas eble ke ŝanĝo estos necesa.

**Se vi ĉeestos la Kongreson, nepre ĉeestu nian kunsidon!**

## MESAGO DE LA PREZIDANTO

Elkoran dankon pro viaj leteroj, poŝtkartoj, demandaroj, ktp., kaj pro via entuziasmo pri ATEO! Kelkaj sendis originalajn poemojn, artikolojn, respondkuponojn, poŝtmarkojn, eĉ monon! Evidente, ni agis ĝustamomente fondante ATEOn. Kaj kiel mi antaŭvidis, estas vera bezono por ATEO aparte por tiuj kiuj vivas en izoleco, en landoj kie religio fortege hegemonias, aparte Katolikaj landoj. Ankaŭ la sendependeco de ATEO de aliaj asocioj estas por ni bonfara. La celoj de ĉi tiu bulteno estas (1) diskuti organizajn demandojn en preparo por la Universala Kongreso, dum kiu ni esperas fin decidi ĉi tiujn aferojn, (2) resumi la informojn de viaj demandaroj kaj leteroj, (3) klarigi aferojn kaj respondi al komentoj.

## ORGANIZAJ TASKOJ

Laŭ miaj informoj, proksimume dek el ni partoprenos la baldaŭan Universalan Kongreson en Roterdamo, inkluzive de estraranoj Ges-roj Massen (mi ne ĉeestos). Mi esperas, ke ankaŭ aliaj partoprenos la kunsidon de ATEO.

Kiel deklarita je unua pago, nia kunveno ĉe Kongreso okazas je vendredo, 29-an julio, je 10:30 atm. ĝis tagmezo, ĉe Balthuis.

1989-a Universala Kongreso: ĉu ni aranĝu kunsidon de ATEO? budon?

<u>Rilato kun UEA</u>: El tiuj, kiuj esprimis preferon, 2/3 volas, ke ATEO estiĝu ne-neŭtrala asocio en ligo kun UEA. Laŭ la Jarlibro de UEA, preskaŭ ĉiuj religiaj asocioj troviĝas en tiu kategorio. Se ni volas regule havigi ĉambrojn por kunsidoj dum la Universalaj Kongresoj, ni devos ligiĝi al UEA. Unue, ni ekzamenos kontrakton kiun UEA transdonos al ni, kaj se ĝi neniel kompromitos nian sendependecon, ni ligiĝos kun UEA.

<u>Rilato kun aliaj asocioj</u>: Responde al ioma konfuzo: ATEO estas tute sendependa de Sennacieca *Asocio Tutmonda (SAT). Ni reklamis en Sennaciulo* same kiel en aliaj revuoj. Kompreneble, ni celas bonajn, kunlaboremajn rilatojn kun SAT, kun ties Liberpensula Frakcio, kaj kun aliaj asocioj, neŭtralaj kaj neneŭtralaj.

<u>Disvastigo kaj promociado de ATEO</u>: Vi rimarkos sube, ke nia adresaro konsistas plejparte el personoj de Eŭropo kaj Usono. Ni diskutu kiel plej efike plu promocii ATEOn, aparte en la tria mondo kie mankas membroj. Dume, bonvolu informi viajn konatojn pri ATEO kaj se eble anoncu en viaj lokaj kaj fakaj grupoj kaj en landaj, lokaj, kaj fakaj gazetoj.

<u>Gardado de neŭtralismo</u>: Ni diskutu rimedojn por agi kiam ni informiĝas pri trudado de religio (ekz. per diservoj) en laŭstatute neŭtralaj Esperanto-asocioj. En kiaj cirkonstancoj ni subtenu niajn anojn en baraktado kontraŭ tia trudado en iliaj landaj aŭ lokaj asocioj?

<u>Esplorado</u>: Por konstrui la historion kaj bibliografion de ateismo en la Esperanto-movado, mi bezonas vian helpon. Se vi havas informojn aŭ personajn spertojn, bonvolu mencii.

<u>Korporaciigo, statuto, estraranoj, voĉdonoj</u>: La estraro opinias ke estas nek necese nek oportune nun formaligi ATEO-n per statuto aŭ per korporaciigo (afero kiu rilatas nur al nia oficiala statuso en Usono). Nur kiam iu el ni demisios, tiam okazos absoluta neceso por havi formalan rimedon de elekto de anstataŭulo. La tri estraranoj donas multan tempon kaj energion kaj pagas ĝis nun ĉiujn kostojn de ATEO el propraj poŝoj. Tial ni rekomendas ne ni tri restu la estraranoj por nedifinita tempo sen voĉdonado de la anaro. Se eksteraj cirkonstancoj devigos ke ni oficiligu formale ĉi tiujn aferojn, do tiam ni agos.

<u>Difinado de membreco</u>: Ni konsideru du aspektojn de la problemo: (1) ĉu ni distingu anojn de nuraj abonantoj, (2) ni eldonados kaj ĉi tiun bultenon kaj eventuale apartan ateisman revuon. Iu sugestis ke oni eliminu la problemon tiel, ke nur membroj ricevu niajn periodaĵojn, do abonanto = membro. Mi pensas ke tio estas malbona ideo. Krom la konsidero ke membreco inkluzivas voĉdonrajton, estas bone abonigi personojn kaj instancojn kiuj ne intencas partopreni en ATEO aŭ kies filozofio ne kongruas kun la celoj de ATEO. Ankaŭ, ATEO havu almenaŭ kvazaŭoficialan statuson kiel membroorganizo, ne nur kiel eldoniston. Mi plue sugestas, ke ĉiu rajtu aboni nian revuon, sed nur membroj kaj bibliotekoj rajtu ricevi la bultenon.

<u>Kotizoj kaj financaj aranĝoj ĝenerale</u>: Jen la problemoj. Ni bezonas viajn ekspertajn konsilojn. Se vi povas konsili, kontaktu John Massen, aŭ ĉe la Universala Kongreso aŭ per poŝto kiel eble plej baldaŭ.

<u>Kotizoj: membroj kaj nemembroj</u>: Estas diversaj alternativoj.

(1) La kotizoj estu la samaj por membroj kaj nemembroj, sed nur membroj rajtu ricevi la bultenon.

(2) Membroj pagu pli ol nemembroj, ĉar (a) membroj ricevos ankaŭ bultenojn, (b) membreco donas rajtojn en ATEO kiujn nur seriozuloj kaj fideluloj havu. Aliflanke, almenaŭ unu persono protestis, dirante ke oni ne devu pagi por voĉdonrajto.

(3) Nemembroj pagu pli ol membroj, eĉ se ili ne ricevu la bultenon. Avantaĝo: scivoluloj kiuj ne volas aktivi kiel ateistoj pagu por la rajto legi niajn eldonaĵojn. Malavantaĝo: tiuj kiuj volus eviti pli altan kotizon povus deklari sin membroj eĉ se ili ne fidelas al ATEO aŭ ateismo. Se ni elektus ĉi tiun alternativon, ni devus konservi la rajton elĵeti personojn kiuj eltroviĝus ne-ateistoj aŭ malfidelaj al la aktivado de ATEO.

(4) Ekzistu pli altaj kotizoj por asocioj, kluboj, bibliotekoj, kaj aliaj instancoj. Grupo disponas pri pli multe da mono ol persono.

Kotizoj: "riĉaj" kaj "malriĉaj" landoj. Eble ni imitu la ekzemplon de UEA kaj starigu malsamajn kotizojn por diversaj landoj konsidere de la meza salajro en ĉiu lando. Ni povus imiti aliajn fakajn asociojn kaj starigu donitan procenton de kotizo de UEA kiel nian kotizon, ekzemple, duonon de kotizo de Membro-Abonanto de UEA.

Kotizoj: aranĝoj por pagado. Pro problemoj pri valutoj kaj pro altaj bankkostoj, estas malkonsilinde ke ĉiuj (kiuj povas) pagu rekte al Usono. Do, konsideru la jenajn eblaĵojn:

(1) Ni starigu sistemon de perantoj en landoj kie ekzistas fidindaj volontuloj. La perantoj kolektus la kotizojn por siaj landoj kaj pagus al Usono aŭ eble prefere al aparta bankkonto.

(2) Ni starigu bankkonton pere de UEA en Rotterdam kaj personoj aŭ perantoj pagu per la ĝirsistemo kaj tiel ŝparu monon.

(3) Pri nepagipovaj landoj, t.e., plejparte aŭ entute, socialismaj landoj, ni devas trovi rimedon. Pluraj proponis sendi al ni revuojn, gazetojn, ktp. por kompenso. Ni ege bezonas monon, ĉar ni estraranoj bankrotiĝos se ni ne povos gajni sufiĉan monon por rekompensi niajn elspezojn. Ĉu ne estas ia rimedo, ekzemple, per kiu landa asocio povus agi kiel peranto kaj pagi monon al konto de ATEO en Rotterdam?

## REVUO DE ATEO

Ni intencas eldoni revuon aldone al la bulteno, Se eble, ni volas eldoni la unuan numeron en la aŭtuno de 1988. La unua konsidero estas la kosto de produktado. Je nia avantaĝo, la estraro uzas mikrokomputilojn, per kiuj ni produktas ĉi tiun bultenon. Tamen ni devas pripensi, ĉu ni povas pagi por bonqvalita, neputrema papero kaj taŭga, bonqvalita kovrilo aldone al la aliaj kostoj de produktado kaj dissendado.

Due, ni diskutu la oftecon de la revuo. ATEO jam, sen revuo, konsumas tro multe de mia tempo. Maksimume, mi povus pretigi tri numerojn de revuo po jaro; pli komforte, du ampleksegajn numerojn po jaro; plus bultenon laŭbezone.

Trie, ni elektu titolon por la revuo. Jen la jamaj sugestoj:

Aktuala Ateismo
Ateisma Revuo
Ateismo
Ateista Heroldo
Ateista Mondo
Ateista Revuo
(La) Ateisto
ATEO
ATEO Bulteno
Bulteno de ATEO
Homa Ateo
Homaro
La Homo Kiu Pensas
Klareco
Kosmo
Libera Menso
(La) Libera Penso
Libermensulo
Liberpenso
La Lumo de Ateismo
Lumo
Mondvidado
Monismo
La Pensulo
Popolaro Moderna
Racio: Kleriga Revuo
(La) Raciulo
La Realo
Sendia Menso
La Sendiulo
Super
Super Dio
Vekiĝu

Plimulto elektis titolon kun varianto de la vorto "ateismo," granda nombro elektis uzi vorton kian "racio," malgranda nombro elektis varianton de la vorto "liberpenso," kaj kelkaj elektis la ceterajn titolojn.

Por la bulteno, ni konservu la titolon ***Bulteno de ATEO***. Por la revuo, mi fortege insistas ke ni uzu la vorton "racio"n aŭ varianton anstataŭ vorton kian "ateismo"n.

Unue, ni volas atingi plej vastan dissendadon kaj abonadon je personoj kaj bibliotekoj. Krom ebla fortimigo pro vorto "ateismo," konsideru ke nia plej vasta celo estas instigi racian pensmanieron kaj ke tio interesas multajn ĉu ilin interesas demandoj pri religio mem aŭ pri eksterreligiaj aferoj kaj mistifikaĵoj.

Due, revuo titolita ekzemple ***Racio*** aŭ ***Raciisma Revuo*** permesus pli ampleksan temaron, ekz. pseŭdosciencon, obskurantismon, filozofian idealismon.

Trie, la demando pri la rilato inter ateismo kaj aliaj filozofiaj starpunktoj restas debatendaj (eĉ se ne debatindaj!). Laŭ strikta difinado ekzistas religioj kiuj povus esti konsiderataj ateismaj! Kaj kio pri variantoj de panteismo? Aliflanke, ekzistas aliaj mistifikaj pensaroj kiuj danĝeras same kiel religioj. Fine, pseŭdoscienco estas same trompa, eĉ pli trompa, kiel/ol religioj. Temas ne nur pri astrologio kaj similaj aferoj, ne nur pri mistifikado pri scienco (ekz. pri kvantumteorio), sed eĉ pli grave pri mistifikaĵoj kiuj havas sciencan statuson, ekz. sociobiologio, scienca rasismo, psikiatrio, burĝa ekonomiko. Ni devas plej larĝe trakti kaj dialogi pri ĉiaj aspektoj de racia kaj kontraŭracia pensado.

Resume, nia tria decidpunkto estas elekto de titolo, kiu laŭ mi inkluzivu la vorton "racio," "raciismo," aŭ "raciisto." Mi favoras la jenajn sugestojn: ***Racia Mondo***, ***Raciisma Heroldo***, ***Raciisma Revuo***, ***Raciismo***, ***(La) Raciisto***, ***Racio***.

## ARTIKOLOJ POR REVUO

La unua Bulteno de ATEO mencias plurajn artikolojn prilaboratajn aŭ jam pretajn por publikigo. Jen aldona listo.

"Ateisto ekzamenas religiojn kaj diojn" de John Massen
"Feliĉa sen dio" de Roland Schnell
Filozofiaj problemoj de la koncepto ateismo de Todd Moody
"Mia vivo" de Robert Long + reagaj ensenditaj leteroj, tradukitaj el la nederlanda de Rejna de Jong
Mazdaĵetoj

pluaj artikoloj de Ralph Dumain:

La materia bazo de (ne)dialogado inter religianoj kaj ateistoj
Unueco de mondo en materieco: la bazo de kooperado kaj amikeco
Artisto jes, pastro ne
Kontraŭreligieco aŭ antisemitismo?
Juda identeco en Usono
Elitismo kaj hindiaj religioj en la Okcidento
Kial etburĝaj Uson-negraj kristanaj pastroj subtenas negrajn islamanajn naciistojn-faŝistojn
Racio (ne Biblio): la sola kriterio
Degenero - kiam raciuloj konvertiĝas al religio
Moralismo kaj religio - danĝera interligo
Racio kaj primitivaj ritoj
Stultigo kaj stultiĝo de la mondo
La eksteruloj (ateistoj ekster socialismaj landoj)
Reglamentado kaj religia instruado kaj ritoj
Schleyer kaj la laŭkatolika organizado de la Volapuk-movado
Traduko: citaĵoj el La 18-a de Brumaire de Louis Napolean de Karl Marks

Aliaj proponis verki pri ateismaj kaj religiaj aferoj en propra lando, pri politikaj aferoj, pri la malbona influo de religio, ktp.

Dum la Universala Kongreso ni diskutu la enhavon de nia revuo kaj nia bulteno kaj instigi verkadon je la partoprenantoj.

Proksimume 25 homoj diris ke ili jes aŭ eble verkos por nia revuo. Ni bezonas vian kontribuon. Ekverku!

## INFORMOJ EL ENKETOJ

En nia adresaro estas proksimume 120 personoj el 26 landoj. En ordo de nombro de membroj po lando komencantaj per la plej multaj: Usono, Britio, Francio, Pollando, Hispanio, Sovetunio, Bulgario, Federala Respubliko de Germanio, Nederlando, Germana Demokrata Respubliko, Brazilo, Ĉeĥoslovakio, Italio, Austrio, Japanio, Svedio, Belgio, Grekio, Izraelo, Jugoslavio, Kanado, Mauritius, Portugalio, Svislando, Venezuelo.

Ni sendis la unuan bultenon al proksimume 15 gazetoj, bibliotekoj, kaj aliaj instancoj de 12 landoj.

Ni ricevis ĝis nun nur 40 demandarojn, do de 1/3 el nia adresaro. La subaj statistikoj estis kalkulitaj laŭ la demandaroj.

Pri kotizoj por anoj, tiuj kiuj donis kotizojn je Usona valuto rekomendis inter $5 kaj $30 US po jaro. Por abonantoj sen membreco oni rekomendis inter $6 kaj $20 US.

10% de la personoj estas anoj de SAT.

Lingvokapablo: 25% de respondintoj scipovas krom Esperanton nur denaskan lingvon; 25% konas (iomete ĝis bonege) pluan fremdan lingvon, 25% konas du pluajn fremdajn lingvojn, 20% tri pluajn lingvojn, 5% kvar pluajn lingvojn, kaj unu persono konas kvin fremdajn lingvojn (krom denaskan kaj Esperanton)! 60% el la personoj almenaŭ iom konas la anglan, 50% la francan, preskaŭ 50% la germanan, 25% la rusan, 25% la hispanan. Po 7.5% konas la polan, ĉeĥan, italan, portugalan, kaj hungaran. Du homoj konas la slovakan. Po unu homo konas la svedan, nederlandan, rumanan, ukrainan, judan, katalunan, estonan, japanan, kaj eĉ Interlingua! Do jen pruvo ke Esperanto utilas por interligi homojn kiuj alie ne povus interkomuniki. Ne nur elitaj sed ankaŭ ordinaraj homoj rajtas interligiĝi!

Por koni adekvate nian abonantaron kaj viajn interesojn, ni bezonas pliajn kompletigitajn demandarojn. Se vi ne ĝis nun faris, bonvolu kompletigi kaj resendi vian demandaron!

## ATEO EN LA GAZETARO

Ni sukcesis aperigi anoncon (eĉ se nekompletan) pri ATEO en la rubriko pri fakaj asocioj en la *Jarlibro de UEA* de 1988. Tio multe helpos nin, kaj ni klopodos plivastigi nian anoncon en la venonta jarlibro.

Mi volas danki kaj agnoski la gazetojn, kiuj, laŭ miaj ĝisnunaj informoj, aperigis anoncon pri ATEO aŭ eĉ komentis pri ATEO:

*Budapeŝta Informilo*
*ELNA Newsletter*
*El Popola Ĉinio*
*Esperanto*
*Esperanto por Mondpaco kaj Socialismo*
*Heroldo de Esperanto*
*Internaciisto*
*La Kancerkliniko*
*Paco*
*Sennaciulo*

Mi varme rekomendas abonadon de ĉi ĉiuj gazetoj. Por aboni konsultu la *Jarlibron de UEA* aŭ se vi ne disponas pri tio, enketu ĉe mi.

***Internaciisto*** aprobe komentas pri ATEO en ĉiu numero. Dankon.

Ni ricevis recenzeton de la unua bulteno en *La Kancerkliniko*, #46, aprilo-junio 1988, p. 17: "Se vi kredas je ateismo, jen taŭga gazeto. Mi persone kredas je nenio, sed mi komprenas, ke homoj volas kontraŭstari la svarmecon de religiaj gazetoj en

Esperantio!" Multan dankon pro la reklamo. La semantiko de tiu di raĵo estas tre interesa kaj ironia: temas pri uzado de la vorto "kredi." Kion signifas kredi je ateismo aŭ kredi je nenio? Ĉu la ajnismo de *La Kancerkliniko* egalas neniismon? Alternative, ĉu konstruo kaj malkonstruo estas nedisigeblaj aspektoj de unueca fenomeno? La celo de ATEO estas kontraŭbatali kaj detrui obskurantisman pensadon kaj konstrui pozitivan alternativon. Tiuj kiuj akuzas nin pri negativeco ne filozofie komprenas la situacion. Ni ne estas ajnistoj.

## KOMENTOJ DE NIAJ KORESPONDANTOJ

Jen tipaj komentoj pri la fondo de ATEO: "mi ofte revis fondi tian asocion"; "fine ankaŭ ni ateistoj havas lokon en la movado, ĉar la Esperanto-asocio ĉiam pli similas iu dua religio"; "estas bone plenigi la mankon de ateista grupo kaj havi alternativon al SAT"; "ni nepre devas kontraŭstari iomete la influon de la religiaj gazetoj en la Esperanto-movado"; "jen scienc-progresa alternativo de la amaso da Esperantistaj grupoj kaj asocioj religiaj"; "mi ĝojas ke Esperanta grupo kontraŭ religia obskurantismo estas starigata."

Tamen multaj diris, ke Esperantistaj religianoj ne estas trudemaj.

Jen alia speco de komentoj:

"Mi estas izolita, ne ekzistas ateisma asocio en mia lando do mi des pli interesiĝas pri ATEO ... La Bulteno estas klara kaj instrua."

"Via - tre dankinda - iniciato estas ĝuste aktualega. Mi nun estas trankvila - natura ĝis nuna tempo mi sciis - ke aparte de mi en la mondo estas multaj kiuj pensas same kiel mi, sendepende ke al kia nacio ili apartenas. Estas aparte ĝojinda - pro ĉi tio mi estas fiera - ke el ili pli multaj estas kiuj kultivas la internacian lingvon Esperanton! ... Mi tutkore kaj mense konsentas ... Ĉi tiu programo ... estas progresspirita ..."

Do, mia antaŭsentoj pri la bezono de alternativo en Esperanto kaj pri la bonveno de ATEO ĉe izolaj ateistoj elpruviĝis!

Jen komentoj pri religio, ateismo kaj la mondo.

"Ja ekzistas profunda neceso por via revuo por protekti junularon kontraŭ superstiĉo."

Pri minacado fare de Katolikaj asocioj kaj diversaj sektoj: "Se ni daŭrigos silentan toleremon ni vekiĝos iun tagon komplete invadotaj per la fanatikuloj. Alianco de tiuj fortoj kun faŝismo en multaj ŝtatoj estas tre alarmindaj kaj vokas kontraŭstaron de la multnombraj homoj kiuj deziras nur pacon por ĉiuj sen hipokritaj kaŝitaj celoj."

"Dum miaj studoj en scienco mi pli kaj pli konscias pri iu nocio, ke religiema ulo similas al infana menso. En mia provinco, religiaj grupoj "fundamentistaj" eĉ eligis mencion en scienca teksto pri la aĝo de la suno! Ŝajnas al mi tre stulta, ke sciencistoj povas klopodi por serĉi faktojn -- kaj rezultas nur cenzurado de religiaĉaj grupoj."

"Mia dio estas la naturo, mia religio la humanismo ... materia esenco de la mondo estas eterna variado - la evoluo."

"Se homoj vere kredus [je religio], sia konduto estus tute alia ... homoj evitas precizigon de siaj opinioj pri religiaj aferoj ... estas tro pena kaj malkomfortiga por alfronti la veron."

Ja. Mi kelkfoje partoprenis enterigajn diservojn. Se la religiuloj vere kredus pri postmorta vivo, ili ne tiom laŭte kaj longe ploraĉus. Sed kion kredi sincere? La Bibliaj religioj estas plenplenaj de kontraŭdiroj. Kristanismo estas la plej hipokrita ideologio en la homa historio. Tiel ĝi estas majstra ilo de psika kaj politika manipulado. Tiuj kiuj kutimas nei la realan mondon pli facile kaj senrespondece emas subpremi, rabi, kaj murdi aliajn. Kristanoj estas la plej aĉaj amasmurdistoj en la historio de la homaro.

Alvenis tre interesa autobiografia letero de germano, kiu eksiĝis de la eklezio en 1931 ĉar sia pastro estas Hitlerano. Li ne tuj perdis kredon, sed nur post studado de natursciencoj kaj spertoj dum la mondmilito. "Krome helpis min studado de Darwin, Haeckel, Feuerbach, ktp., por fariĝi libera homo sen spirita sklaveco. La ĉefa tasko de liberpensuloj ... estas... liberigi la pensadon de la homo de la religiaj ĉenoj. Materialistoj ne uzas forton .... por konvinki la homojn, kiel tion la religianoj faras ... Kiu nepre volas kredi, tiu kredu! ... Ni ĉiuj vivas sur unu sola planedo kaj estas gefratoj. Sed tio ne signifas, ke ni honteme silentu kaj al [religianoj] estu ĉio permesata, eĉ intermiksado en la ŝtataj aferoj kaj ekonomio ... [Sur] mia leda portepeo dummilita ... estis gravuritaj la vortoj: "Dio kun ni!" - vera blasfemo! Sed la eklezioj ja marŝis kun Hitler, kun Franco, kun la sanganta Horthy ... La Irana-Iraka milito estas religia fanatikeco, la sovaĝaj procesioj pro la "Nigra Patrino de Dio" en Polio estis frenezeco ... Ne nur necesas liberigi la homaron de la militoj sed ankaŭ de la superstiĉoj ... ne perforte, sed per nia logiko, per la reala vero de nia mondo."

Iu citis anglan proverbon-poemeton: "Gods and kings are wondrous things to hold the mind in thrall. The day will come when they are gone with benefit to all." En Esperanton mi tradukas: "Dioj, reĝoj: mirindaĵoj, por sklavig' de l'menso. Iam ili malaperos, je ĉies rekompenso."

Niaj korespondantoj estas tre diversaj. Pluraj estas profesoroj; aliaj ne pretendas apartan klerecon. Ne multaj aliaj nomis propran profesion aŭ metion, krom elektromuntisto en minejo. Kelkaj komentis pri la situacio en propra lando, ekzemple hispano kiu plendis pri "ĉi tiu hipokrita Katolika lando."

La plej multaj kaj detalaj tiaj komentoj venis el Pollando. Iu asertis, ke la influo de Eklezio kaj religia kredo malfortiĝas en la urboj kaj plej viglas en vilaĝoj. Aliaj plendis pro bigota Katolikismo, ekzemple: "mi jam spertis en mia vivo multajn problemojn en lando en kiu 85% da enloĝantoj estas

Katolikoj." Jen tre detala komento.

"Mi esperas trovi la eksterdogme pensantajn personojn en aliaj terpartoj. Ŝajnas al mi ke mankas libera diskutado ĉi tie kaj sen kontaktoj kun la eksterlandanoj ni fermiĝas en la propra, malprogresiga vidpunktaro. Maltrankvile mi observas la kreskon de la fanatikismo surbaze de la plifortiĝo de diversaj religioj en la mondo. La fenomeno de la Romkatolikismo en mia lando ne donas kaŭzojn ĝoji kaj esperi la rapidan mensan moderniĝon de la socio. Mi esperas, ke la entuziasmo de la kunfondintoj de ATEO ne vaniĝos, ĉar la problemo trovi balancon inter la proponoj de la religiaj komunumoj kaj tiuj de la nekredantoj en la Esperanto-movado - la problemo jam delonge maturiĝinta - ne plu preterlaseblas."

Mi rimarkas, el la leteroj de ĉiuj socialismaj landoj, oftan temaron: (1) deziro de paco, (2) deziro de toleremo, netrudemo, ekvilibro, malfanatikeco, justeco, deteno de insultado, (3) nescio de kondiĉoj en Usono. El ĉiuj landoj kapitalismaj kaj socialismaj ekster Usono, alvenis kelkaj plendoj pri la akra tono de la unua bulteno.

## PRI POLITIKO KAJ ĜENTILECO

Kiel dirite, ne ĉiujn kontentigis la unua Bulteno de ATEO.

Fidela korespondantino el Hungario skribis, ke mi traktas la religiulojn nur de ekstere ĉar mi neniam serioze estis religiano, sed ŝi estis junaĝe Katolikulo do bone komprenas la internan animon de religiulo. Ne estas sufiĉe konvinki per raciaj argumentoj pri la absurdeco de la religio. Religia kredo troviĝas eĉ inter multaj sciencistoj. Se religia kredo estus nur afero de intelekto, estus facile argumenti kontraŭ ĝi, kaj ĝi baldaŭ ĉesus ekzisti. Ni devas elserĉi la sociajn radikojn de religio. Marks kaj Lenin instruis ke la religio spegulas la homan sendefendecon de naturaj kaj sociaj fortoj. Nur kiam la homo venkos tiujn fortojn, poste la religio malaperos, en la fora fora estonteco. Homo bezonas senton de sekureco. La religia arto ne estas nur esprimo de stulteco sed emocie efikas eĉ nekredantojn. "Bedaŭrinde ni devas trarigardi, ke ni, materiistoj, ateistoj ĝis nun ne povis doni al la homoj emocie kaj morale adekvatan veran ideologion, kaj ĝis tiam ili havas du elektojn: aŭ serĉi en la religio la kontentigon de siaj emociaj bezonoj, aŭ fariĝi morale-emocie nihilistoj. Je ĉi tiu tereno ni devas serĉi nian taskon, se ni volas atingi sukceson, sed ĉiuj, kiuj alie pensadas ol ni, trarigradi simple frenezuloj - tio ne progresigos nin."

Dankon pro la saĝaj vortoj! Mi plene akceptas vian kritikon. Mi nur emfazu ke militantaj ateistoj ne estas nihilistoj. Ni havas altajn humanismajn kriteriojn pri la valoro de vivo. Se mi estus nihilisto aŭ ajnisto, min kontentigus laboro por La Kancerkliniko. Mi plene konsentas pri la sociaj radikoj de religio kaj plu komentos sube.

Mi neniam ŝatis kristanajn pentraĵojn (nasko, mamsuĉado, morto de Kristo - fek!). Miaj amikoj scias ke mia plej favorata poeto estas William Blake, kiun multaj homoj taksas mistikulo (mi pensas alie). Mi tre ŝatas la Uson-negran religian muzikon eĉ se naŭzas min plejofte la lirikoj. Kaj mi spertis la intensajn psikajn efikojn de afrika muziko (kiel iama studento de tio) sen akcepto de afrikaj religiaj ideoj kiuj ofte enmiksiĝas en tiu medio. Mi konsentas ke homoj bezonas artan kaj simbolan konkretigon de sia mondbildo: estas nia tasko krei simbolojn adekvatajn por nia epoko, por doni emocian kaj kognan kontentigon. Kaj jen interesa koincido: oni invitis min aperi je radio dum kio mi intencas diskuti tiajn ideojn, pri progresemaj kaj reakciaj utiligoj de mitoj kaj simboloj. Mi verkos por nia revuo artikolon "Artisto jes, pastro ne." Por mi la artistoj plenumas la spiritan funkcion de la homo. Prioritata tasko de arto, ankaŭ de intelekto, estas inspiro. La celo de arto ne estas ajnisma, sed estas la spirita altigo de la homaro. Arto vekas intelekton, emocion, senton, konscion, perceptemon. La artisto laboras honeste kaj donas konkretan valoron. La artisto kreas la ilojn por nia profundigo kaj ĝojigo. Kaj arto plej bone povas fari tion nur kiam la arto kaj la psiko liberiĝas de religio.

Pri konvinko de religianoj pri ateisma vidpunkto: ĉu tio estas nia tasko? Ni povas nur flegi la kernon de racio kio ekzistas en homoj, sed ĉu ni celu konvinki kontraŭeme? Mi citu William Blake: "mi diras la veron ne por konvinki tiujn kiuj ne komprenas sed por defendi tiujn kiuj jes komprenas."

Brito skribis al ni, ke li volas aliĝi al humanisma aŭ ateisma asocio se ĝi estas politike neŭtrala. Li plendis ke aliaj humanismaj grupoj estas maldekstraj. Tiu mencias ankaŭ ke Britio ne estas religia lando kiel Usono.

ATEO estas pluralisma asocio, sed ĝi ne povas esti neŭtrala. Ĉiu partoprenanto en ATEO rajtas pensi kaj diri pri koneksoj inter ateismo/religio kaj aliaj sociaj/politikaj problemoj. Tiuj, kiuj pensas, ke la demando de ateismo aŭ religio estas tute sendependa de aliaj sociaj problemoj, rajtas esprimi tion sed ne rajtas cenzuri la politikajn esprimojn de aliaj.

Sciu, ke la fondintoj de ATEO opinias, ke la problemo de religio estas nedisigebla de aliaj sociaj problemoj. John Massen agnoskis en letero, ke la bezono je ateistoj defendi proprajn civitanajn rajtojn varias de lando al lando, sed li diris ke "ateistoj en Usono devas esti aktivaj ateistoj por malebligi kristanan teokratian faŝismon en Usono." Ankaŭ por mi, ateisma agado estas parto de la lukto kontraŭ faŝismo.

Organizitaj Usonaj ateistoj almenaŭ konscias batali en la kortumoj por sekulara socio. Sed ĉi tie ankaŭ estas bedaŭrinda emo koncepti (mal)akcepton de religio kiel nuran aferon de individua racio aŭ

stulteco. Kontraŭe por mi la problemo estas ligita al politika ekonomio. Mi neniam ŝatis la American Humanist Association (Usonan Humanistan Asocion) ĉar ĝi estis (eble ankoraŭ estas) dominata de konservativaj elitismaj homoj kiuj konscias nur pri la individuaj rajtoj de mezklasuloj sed neniam simpatias pri la problemoj de laboristoj kaj aliaj subpremataj grupoj.

Ĉu la situacio en Britio estas enviinda? En la ĵurnalo *The Washington Post* ("Thatcher sparks religious debate: speech equating Tory policies with Christian virtue criticized," de Karen DeYoung, 1988.05.25, p. A25), mi trovis artikolon laŭ kiu Thatcher diris ke sia socioekonomia politiko kongruas kun la filozofio de Kristanismo kaj la Biblio. Laŭ ŝi, la ŝtato ne respondecas pri la bonfarto de ties civitanoj; tio estas afero nur de individua respondeco, kaj la decido de Jesuo morti por bonfarto de aliaj estis afero nur de persona elekto. Kiom mi ridis legante ĉi tion! Kompreneble, socialdemokrataj pastroj koleriĝis pro la hipokritaj vortoj de Thatcher. Ĉu estas koincido ke ŝi cinike fanfaronas pri la Biblio? Thatcher, same kiel Reagan, estas faŝisto, rasisto, militisto, kaj malamiko de la tuta homaro. Kaj mi proklamos tion al la tuta mondo!

Ni invitas ĉian debaton pri ĉi tiu temo, ĉar ni estas pluralisma. Sed mi ne silentos pro ia idiota neŭtralismo.

Pli ol unu persono plendis pri mia polemika stilo. Iu skribis, ke en Hungario okazas debato ĉiam science kun teologio. Amiko el Aŭstrio plendis pri la insulta tono de la bulteno: la stilo de la bulteno estas nur agresa kaj polemika sed ne sciencanivela.

Li enketis, ĉu usonanoj kiuj neniam vivis sub reĝimoj de Hitler aŭ Mussolini vere kapablas prijuĝi faŝismon? Pardonu, mi ne estas tiel eksperta pri faŝismo kiel la prezidanto de Aŭstrio; tamen mi jukas eduki vin pri la historio de Usono pri kiu vi konfesas nescion. Ĉu vi neniam aŭdis pri dekstrula terorismo post la du mondmilitoj, pri la epoko de Joseph McCarthy; pri la fakto ke negroj, aparte en la sudo, malhavis ĝis la fino de la 1960aj jaroj eĉ la plej bazajn homajn rajtojn kaj devis vivi sub terorismaj kondiĉoj? Ĉu vi aŭdis pri la ekstermado de la vjetnama popolo de la Usona militistaro dum la ĉi-epoka milito? Ĉu vi scias ke Reagan kaj dekstraj parlamentanoj vigle subtenas amasmurdistojn kaj faŝistojn en Nikaragvo, El Salvador, Guatemala, kaj Su(r)dafriko? Ĉu vi scias ke Reagan strebis doni juĝistajn postenojn al subtenintoj de la naziisma Ku Klux Klan? Se vi ne konas ĉi tiajn faktojn, klopodu eduki vin antaŭ ol vi pretendos eduki min.

Nia kamarado el Aŭstrio eksplikis, ke li preferas neinsultajn, sciencajn verkojn el materiisma vidpunkto kiajn li legis en multaj sovetiaj eldonaĵoj. Estas pli bone diskuti aferojn objektive kaj science.

Fakte, mi konsentas. Mi bonvenigas tiajn artikolojn por nia eventuala revuo. Kiel mi jam menciis, antaŭ la epoko de Reagan mi plejparte okupis min per filozofiaj kaj sciencaj demandoj. Mi mem volas verki artikolojn el scienca vidpunkto sen tioma emocio. Mi volas analizi la problemojn de religia kredo laŭ sociaj klasoj, kontraŭdirojn en la rolo de la negraj eklezioj en Usono, kaj kontraŭdirojn en la vidpunktoj de religiaj socialdemokrataj progresemuloj, por doni nur kelkajn ekzemplojn. Mi estas ne nur incitema. Ankaŭ mi celas sciencan analizadon, pli ampleksan sciencan analizadon ol kion mi jam donis en la jamaj bultenoj. Tamen, mi emas facile kaj forte koleriĝi pri reakciaj stultaĵoj, kaj mi intencas plu ventumi tiajn emociojn senbride kaj sen konsiderado de la "delikata" sentemo de aliaj.

Kelkaj aliaj plendis pri uzo de la vorto "faŝismo." Tiu termino kutime ŝokas Usonanojn, sed surprizis min ke ankaŭ Eŭropanoj skandaliĝis. En Usono oni ne volas ĝuste agnoski la realecon de io ajn. Oni uzas nur la vortojn "konservativulo" aŭ "konservativismo" sed tiaj esprimoj estas tro mildaj, tro subtaksemaj laŭ mi. Laŭ mia kompreno de la politiko de Reagan, de ekstremdekstraj parlamentanoj kaj estraranoj (Reaganistaj agentoj) kiuj atencas homajn rajtojn en Usono kaj subtenas amasmurdistojn fremdlande, de ekstremdekstraj fundamentismaj religiaj misgvidantoj, ili estas faŝistoj, kaj mi insistas nomi ilin faŝistoj. Tiel mi ŝokas aliajn, sed tio necesas, ĉar oni devas kompreni la implikaĵojn de "konservativismo" - kio estas faŝismo.

La plej surpriza reago estas deklaro de franco, ke li ne aliĝos al ATEO, ĉar ĝi intencas permesi la partoprenadon kaj liberan esprimadon de faŝistoj. Ĉi tiu komento estas miskompreno de paragrafo en kiu mi citis la ekzemplon de ateismaj asocioj en Usono kiuj agadas por siaj komunaj celoj malgraŭ filozofiaj kaj politikaj diferencoj. Estas nek multaj socialistoj nek multaj faŝistoj en Usonaj ateismaj asocioj; mi menciis tiujn du doktrinojn por indiki la ekstrempunktojn de politikaj vidpunktoj inter kiuj oni trovos ateistojn (kaj kompreneble anojn de aliaj movadoj). Mi sugestis ke ATEO simile al Usonaj asocioj devos agnoski la diversecon de politikaj vidpunktoj kaj konsideri nin unuiĝanta fronto por la defendo de la komunaj celoj de ateistoj. Mi neniam invitis kaj neniel akceptus la partoprenadon de faŝistoj en ATEO. Ĉu ne tiu plendinto bone scias, ke neniu Esperantisto kiu agnoskus sian faŝismon aliĝos al ATEO?

Por eviti troan koneksigon inter ATEO kaj miaj diversaj vidpunktoj, mi decidis emfazi la rajton je diversaj vidpunktoj kaj libera esprimado. Nur tiel diversaj homoj konsentus partopreni en ATEO.

Pripensu, ke malgraŭ la rajto je "libera" esprimado de politikaj opinioj, por esti akceptebla por publikigo ĉiu artikolo proponota devos havi ian koneksom kun ateismo, religio, aŭ materiisma kontraŭ idealisma pensado. ATEO estas kompreneble faka asocio - ne ĝenerala klera asocio.

Estas ĉiam amuze sperti la reagojn de kristanoj

al ateistoj. La ateisto publikigas siajn vidpunktojn, ekz. per eldonaĵoj, al la publiko, sed ne ĉasas specifajn personojn por konverti tiujn al ateismo. Kontraŭe, multaj kristanoj ne povas deteni sin de ĝenado de personoj kiuj pensas malsame. Meze de faka korespondado kiu neniam temis pri religiaj aferoj, korespondanto Kristano menciis ke li rimarkis mian anoncon pri ATEO kaj grandanime proponis korespondi kun mi pri la religia demando. Ĉu bazaj personaj konvinkoj estas tiom supraĵaj, ke oni povas facile ilin ŝanĝi per dialogado? Kial malŝpari tempon? Mi ricevis nepetitan spiritisman libron de la spiritista Esperanta Studgrupo "Zamenhof" en Brazilo. Poste mi ricevis tre afablan leteron plena da respekto por ateistoj kaj emfazante ke oni ne volas trudi. Tre ĝentile, gesinjoroj; tamen, ĉu mi kontaktis vin por dividi miajn bonaĵojn kun vi? Mi estas tre avara homo kiu ne volas dividi sian saĝon, ĉu ne?

La temo de religiana-ateista dialogo estas tre interesa filozofia demando pri kiu mi verkos en nia revuo.

## KIO OKAZAS EN USONO?

Mi emas pardonpeti pro konstanta mencio de Usono en la unua kaj en ĉi tiu bulteno. Tamen, eble vi pli komprenos mian sintenon kiam vi ekkonos kelkajn faktojn.

Mi tralegis la aktualan numeron de Usona revuo *Freethought Today (Liberpensado Aktuala*, majo/junio 1988) kaj kion mi legis estis tro! Jen la "bonaj novajoj": invadado de la publikaj lernejoj fare de fundamentistaj Kristanoj, Katolika tiraneco en Ŝtato Irlando, mensmanipulaj teknikoj praktikataj de faŝismaj religiaj kultoj, laŭleĝaj senkulpigoj por misuzado kaj mortigo de infanoj pravigbaze de religiaj superstiĉoj, ekzemple rifuzado de medicina pritrakto de infanoj fare de gepatroj-adeptoj de Kristana Scienco, religia tiraneco en la militservoj, religiaj havenoj por seksperfortuloj kaj stumpigantoj, implikiĝo de Katolika Eklezio en seksmisuzado de virinoj kaj infanoj, hipokritaj kalumniado de ateistoj fare de tiuj kiuj pardonas krimojn fare de Kristanoj. Jen la problemoj kiujn alfrontas Usonanoj. Ĉu mi restu trankvilanima do?

Jen la temoj de artikoloj pri religio kiujn mi trovis dum unu semajno en la *Washington Post* (13a-20a de junio 1988), kun miaj komentoj parenteze:

(1) Artikolo sur unua pago pri Anakostia Biblia Lernejo, privata negra fundamentisma Protestanta lernejo en mizera negra kvartalo de Vaŝingtono, kie la infanoj ĉiumatene deklamas: "Mi promesas fidelon al la Kristana Standardo kaj al la Savanto por kies regno ĝi flugas," esence parodio de la kutima patriota fidproklamo. Oni dungas religiajn instruistojn prefere al fake kompetentaj instruistoj. La instruistoj ricevas etajn salajrojn. Oni batas infanojn, kun pravigo de la Biblio: se oni detenas la batilon do oni trodorlotas la infanon. La infanoj uzas la kutimajn fundamentismajn lernolibrojn kiujn uzas la nurblankulaj lernejoj - sen ia mencio de negra historio aŭ la movado por civitanaj rajtoj. Oni instruas kreadon de la kosmo laŭ la Biblio kaj ne instruas pri la biologia evoluado laŭ moderna scienco.

La pravigo de rigida sistemo estas disciplino kia mankas en publikaj lernejoj (ordo, sankta ordo - genia elpensaĵo de Mussolini!). Gepatroj sendas siajn infanojn al tiu lernejo ne nur pro religia motivo, sed pro disclipino, por rifuĝejo for de drogoj kiuj troviĝas ĉie en la getto kaj en la publikaj lernejoj. Negraj fundamentismaj lernejoj estas tre raraj ĉar la samspecaj blankulaj lernejoj fifamas pri rasismo.

(2) Artikolo de la redakcio rekomendas instruadon pri (ne por) religio en publikaj lernejoj, ĉar homoj ne scias pri la rolo de diversaj religioj en historio, beletro, arto, ktp. Oni scias nek pri la diversaj religioj de Usono nek pri la kresko de religia toleremo en Usono. (Toleremo? Kia ŝerco! Oni ne instruos pri religio sen promociado de la respektindeco de religio. Ĉu oni instruos ankaŭ la historion, heredaĵon, kaj kontribuojn al socia progreso de liberpensado kaj ateismo? Ĉu iu kritikos la genocidon, murdon, sklavecon, kaj aliajn kruelaĵojn kiajn promocias la Biblion? Hipokrituloj!)

(3) La pola registaro konsideras la oficialan permeson de Katolikaj sindikatoj! (Ho ve!)

(4) Prezidanto A. Gromyko diris ke la registaro permesos kreskon de Katolika Eklezio en Sovetunio. (Ĉu la socialismaj landoj freneziĝas?)

(5) La registaro de Vjetnamio protestas kontraŭ planata enkanoniĝon de misiistoj fare de la Vatikano. Laŭ la Eklezio, ili estas martiroj; laŭ Vjetmanio, imperiistoj. Vjetnamio akuzas la Vatikanon pri dubindaj politikaj motivoj. (Brave, Vjetnamio!)

(6) Foto de la Papaĉo en stulta ceremonio de enkanonigo de la "martiroj" de Vjetnamio.

Antaŭ kelkaj tagoj okazis televida ĵurnalisma programo en kiu duono de la unuhora programo estis malŝparita per raporto de vizito de ridindaj Usonaj pilgrimoj al fora vilaĝo en Jugoslavio kie laŭdire okazas miraklaj aperoj de Virgino Maria. Finfine la raportisto estis skeptika pri tiaj mirakloj sed esprimis aprobon de la "beleco" de la religia sperto. (Momenton, mi vomemas.)

La vorto "ateismo" estas danĝera en Usono. Ateistoj estas diskriminaciataj, abomenataj, kalumniataj, kelkloke eĉ persekutataj. Estas malfacile esti publika ateisto. Religiaj ŝtelistoj kaj trompistoj dissendas sennombrajn televidprogramojn, sed oni ne permesas al ateistoj aĉeti tempon de la televidaj instancoj por dissendi ateismajn programojn. La Usona Konstitucio supozeble garantias la apartigon de religio kaj la ŝtato, sed oni devas konstante batali por tia apartigo. Ekzemple, multaj urboj pagas el la publika monkesto por kristnaskaj

ekspozicioj sur publikaj bienoj. Kristanaj reakciuloj kontraŭbatalas la instruadon de biologia evoluado en la publikaj lernejoj kaj klopodas starigi instruadon de religia doktrino pri la kreado de la kosmo en la publikaj lernejoj. Ili plej sukcesas en la sudaj provincoj, kie regas religia fanatikeco (Biblia fundamentismo), rasismo, politika konservativismo, kaj nesciaĉo.

Ekzistas progresemaj eklezioj kaj pastroj sed plejparte la fundamentismaj protestantoj kaj la Katolika eklezio subtenas faŝismon. Oni devas kontraŭi la potencon de la Katolika eklezio ĉie en la mondo. En Usono la ĵurnalistoj esprimas senkritikan adoradon de la Papo kaj lian rolon en Pollando. La Papo vizitis Usonon dum la pasinta jaro kaj kompreneble elvomis sian obskurantisman reakcian venenon, ĉefe en la suda parto de Usono kie loĝas la plej malkleraj kaj naivaj Katolikuloj (ĉar en pli evoluintaj regionoj la Usonaj Katolikuloj ribelas kontraŭ la Papo). Sed tiu Papo estas trompisto kaj ĉarlatano, kiu servas nur la riĉulojn. La Papo aktive kontraŭas la liberigan movadon en Latina Ameriko, kiun subtenas progresemaj Katolikuloj. La Papo ankaŭ kontraŭas progresemajn tendencojn en Usono, ekzemple la movadojn por paco kaj por la rajtoj de naskolimigado kaj abortado. La Katoleka Eklezio respondecas pri pli multaj amasmurdoj ol Hitler. Ĝi persekutis la judojn dum du mil jaroj. Ĝi subtenis Franco, Mussolini, kaj Hitler. Hitler mortis bona Katolikulo. Ne estas akcidento, ke Reagan kreis oficialan diplomatan rilaton kun la Vatikano. Faŝistoj ĉiam adoras papojn.

La Papo jam tro disvastigis sian mensan kaj politikan malsanon. Mi volonte donacos al li kondomon por lia buŝo.

La renesanco de kristana faŝismo en Usono konsciigas min pri la neceso kontraŭbatali reakcian pensadon. Dankon al la reĝimo de Reagan (amiko de la reakciaj kristanoj), faŝismo estas tre potenca en Usono. Oni postenigas aŭ proponas postenigon de la plej aĉaj rasistoj kaj faŝistoj. La fanatikaj kristanoj estas la plej multnombraj subtenantoj de politika reakcio. Tiuj kaj ties amikoj subtenas ankaŭ frenezan militismon kaj ankoraŭ ambicias malstabiligi la socialismajn landojn kaj ne volas intertrakti kun Sovetunio por malarmado por forviŝi la danĝeron de nuklea milito. Tial por mi ateismo estas batalanta filozofio.

En Usono, friponaj eklezioj enspezas bilionojn da dolaroj (ne nur de individuaj kretenoj sed ankaŭ de grandaj kapitalistaj firmaoj) kaj ne devas pagi impostojn. Mi deziras, ke la eklezioj pagu impostojn, eĉ tiuj "liberalaj" Unitarianoj. Mi persone ne intencas akcepti ian senpenisan, kaĉan "liberpensismon." Jen mia opinio pri religio en Usono. Ĝi estas veneno, ilo de hipokriteco. Usono estas la plej science kaj teknologie evoluinta lando en la historio en la mondo. En la 1960aj jaroj ni spertis kulturan revolucion kiu ŝancelis ĉian kulturan aksiomon en la historio de homa ekzisto. Niaj profesoroj funde studis ĉiun aspekton de la materia mondo, socian kaj psikan vivon de la homaro. Niaj bibliotekoj plenplenas da informoj pri ĉio, sen limigo. Malgraŭ la rimedoj je nia dispono, ni Usonanoj estas la plej naivaj, stultaj, neinformitaj, superstiĉaj homoj sur la tuta tero. Kaj ni havas tiom multe da potenco! Potenco ekstermi la mondon! Sed ni estas tiom politike kaj ideologie infanecaj. Tio estas nepardonebla! Nur la politika, socia strukturo de Usona socio povas respondeci pri tiu kontraŭdiro. Forflugo de la reala mondo al iluzioj, hipokriteco, nesciaĉo estas simptomo de malsana socio, kiu kreas intelektajn kriplulojn.

Tial mi estas militanta ateisto, ne nur humanisto, kaj ne Unitariano, Etikkulturano, Mondvidismano, aŭ ano de alia tia institucio de etburĝa respektendeco.

Pro la ekzistanta malegaleco, estus stulte postuli toleremon fare de ateistoj; ĉar estas la cetero de socio kiu bezonas edukadon kaj larĝigon de animo. Oni ne rajtas egaligi la netoleremon de la subprematoj al tio de la subpremantoj.

Mi dividas la deziron por paco. Ankaŭ mi deziras kunlaboremon kaj trankvilon, kvankam mi komprenas ke tiuj ne estos atingitaj en mia vivodaŭro. Kiel William Blake, mi volas malebligi korpan militon kaj akceli intelektan militon. Mi tre indigniĝas pri la aktuala stato de Usono kaj pri la ĝenerala stultigo de la mondo (pri kio multaj homoj el diversaj mondpartoj kaj sociaj klasoj komentis al mi) kaj ne povas kaŝi tion. Tial ni bezonas diversajn vidpunktojn kaj kontribuontojn por ke ATEO ne montru troan tendencecon de unu persono.

**FINAJ PENSOJ**

"La milito estas energio sklavigita" - William Blake.

La plej valora juvelo en la mondo estas la homa cerbo. - Ralph Dumain.